## Abonprezo de I.P.R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de T.A.G.E.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guldenoj.

Individuaj anoj de I.E.L. pagas nur po 2 guld. por jaro.

Por la abonkotizo estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 20 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 50 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 9715, nur sub nomo de Sro. A. van Hage, Veendam (Nederland).

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

---

## Agentoj de T.A.G.E.

**Angla:** Brita Esperanto-Asocio, 142, High Holborn, LONDON, W.C.I.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au Collège de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon, Harrow St,, Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, Ljuben Karavelov. 40. SOFIO.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, Komerca Akademio TREBIĈ, Komerca Akademio poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 27 Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Kn. Aa. Andersen. ONSILD. Poŝtĉekkonto: No. 55673.

**Estona:** Ain Vahuri. VIRU-KABALA.

**Franca:** G. Chatelain, ARGENCES, (Calvados) Poŝtĉekkonto: 17606 Rouen.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Soroksári ut. 38-40. V. 6. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya. Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ, Kralj. ban. UPRAVA IV, LJUBLJANA.

**Kanada:** Aleksandro. E. C. N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. IŜLAŬZAS. paŝt. ag.

**Nederlanda:** J. Hogenkamp, Hoofd der School, 2e Exloërmond (W.). (Pagi al van Hage.

**Nederlanda Hindujo:** K. Gorter. Soekalilah. 14, CHERIBON.

**Pola:** Józef Migacz. Dlugosza 2. NOWY—SACZ. Poŝtkonto No. 406284.

**Sveda:** estraro de S.I.E.F.

**Svisa:** Vakanta.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. California.

kaj:

**Amerika Esp. Instituto.** 1111 Brooke Road. ROCKFORD. ILLINOIS.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Ni urĝe petas novan agenton en Svisujo, kaj en Norvegujo.

---

En **SVEDUJO** oni sin anoncu al la sekretario de la T.A.G.E. sekcio (S.I.E.F.)

S-ro **Fritiof Ahnfeldt. Inglatorp, Torskors.**

---

Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.

18-a jaro (Numero 2) 1939.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Adreso por redaktado kaj administrado:
T.A.G.E.-oficejo, Schoolstraat 13. Veendam. (Nederlando.)

Prezidanto de TAGE: W. RUSSELL HAMILTON. The Grammar School HEMSWORTH: Nr. Pontefract, Yorksh. (Anglujo).
Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda (Gron.) (Nederlando).
Kasisto: A. VAN HAGE. Zuidwending. Veendam (Nederlando). Poŝtkonto No. 9715.

Korespondoficejo: K. H. SPORTEL, Nieuw-Scheemda (Gr.) (Nederlando).

## Spirita kaj morala rearmado.

Malgrandaj agoj pli efikas
ol grandaj vortoj eĉ predikas!

En la lasta tempo oni multe parolas pri ĉi tiu temo. Multaj gazetartikoloj atentas pri tio; pli multaj personoj uzas la signalvortojn, sed — entute la ideo estas treege nebula, kaj ofte oni nur papage parolas kion oni aŭdis aŭ legis.

Antaŭ ĉio estos necese, ke ĉiu en si mem havu klaran ideon pri la afero, kaj ke ĉia nebuleco foriĝu. Oni akceptu la „armadon" aŭ ne, se oni nur havu plenan, klaran koncepton pri ĝi por si mem. Tiam, poste, ni povos sur reala bazo pridiskuti la divergantajn opiniojn. Tia diskutado ĝenerale efikos pli precizan komprenon.

Ĉu oni rajtas paroli pri rearmado, spirita kaj morala? Laŭ mi, jes! Kaj mi ĉi sube nur volas disvolvi miajn pensojn, eble instigante aliajn, fari la samon.

„Spirita kaj morala rearmado!" Batalkrio ĝi estas. Ĝi akcentas pri „armado"! Kontraŭ kiu aŭ kio? Se oni volas armi sin, oni ja supozas ie kontraŭstaron, atakon de „malamiko". Ĉu ĉi tie estas malamiko, kiu minacas nian vivon kaj trankvilan evoluadon de nia socio? Kiu aŭ kio estas tiu batalonto? Kia estas la minacanta danĝero? Kaj ĉu tiu danĝero ĝuste nuntempe anoncis sin kaj ne, ni diru, antaŭ jarcento?

Por kompreni tion, ni rigardu la situacion de nia nuna homa socio.

La homo perfektigis la teknikon, por ke ĝi estu helpanto, kiu povos plifaciligi la laborojn, kaj la estonto montriĝis rozkolora! Facila laboro por la homo, simpla produktado de diversaj ĝis nun multekostaj bezonaĵoj en ĉiaj kvantoj, komforta vivado: ĉielon sur tero! Sed kiom alia la faktoj instruis.

Sklavon la homo vokis al laboro, sed la servanto fariĝis mastro, kaj la „majstro" ĝia servutulo. Li — la majstro — nur sciis veki

senvivajn objektojn al laboro intensa, sed ne povis regi ilin; lasas sin regi de ili. Anstataŭ facila kaj komforta vivo en paco kaj harmonio, rezultis el la teknika pliperfektiĝo nur treege malbonaj ekonomiaj cirkonstancoj kaj nervigaj maltrankviloj en la tuta mondo. Ie oni detruas agrikulturajn produktojn „superfluajn" kaj alie milionoj ne povas havigi al si eĉ plej modestajn vivrimedojn. Teknike tuja kaj ĉiena distribuado estas ebla! Teknike ĉiuj terloĝantoj estas najbaroj, sed praktike ĉiuj timas tian najbarecon kaj ne volas profiti el tio. Ĉiuj starigas barilojn inter si reciproke kaj ankoraŭ pliperfektigas sian teknikaron por esti „sendependa" de siaj kunvivantoj. La tekniko por ni konkeris la mondon; nur la homoj mem ankoraŭ ne faris tion. Por ili la vorto „mondo" estas nur sono, ne realaĵo. Ili nur rilatas al *peco* de la terglobo, ne al tuto. La tekniko do antaŭiras kaj la homo kun siaj malvastaj kapabloj kaj sia inerto, malrapide sekvas. Kaj mi opinias, ke la streĉegaj interrilatoj, ekonomie kaj politike nur povos fariĝi pli harmoniaj, kiam la homaro kapablos regi je sia propra profito kaj komforto, laŭ vasta skalo kaj sur universala bazo, la teknikon. Tiam estos ekvilibro!

Sed, nun, la stato estas male. La homo perdis la fidon en si mem kaj en siaj kunuloj dum la nuna strukturo de nia homa socio, kaj opinias plibonigi la situacion starigante sin sur la bazo, sur kiu niaj antaŭuloj (eĉ praulоj) sin apogis. Tiuj ja vivis en „pli bonaj tempoj", do akceptante iliajn vivkondiĉojn kaj -principojn li ja povos fuĝi tien por savi siajn animojn kaj tiujn de siaj infanoj. Oni kroĉas sin al malaperintaj vivnormoj kaj revivigas forgesitajn formojn por havi kontakton kun reala mondo. Tion oni faras, ĉar oni ne povas senti sin hejma en nia skue evoluanta mondo, kie oni ankoraŭ ne povis kontakti kun la estonto. Estinton oni kaptas, anstataŭ estonton! Sed oni forgesas, ke evoluado neniam paŝas malantaŭen, kaj ke do regreso devas esti falsa plibonigo, nenatura kaj malreala. La homo devas venki sian sklavon, kaj tio signifas *batali,* ĝis kiam la inerta homa spirito estos samnivela kun la teknika progreso. Por la tekniko ne ekzistas limoj; por la homoj estas nur limoj ĉiaj.

Tiu batalo estos spirita proceso, unualoke, kaj ni devos armadi nin spirite.

Kaj morale? En la nuna tempo oni kutimiĝas al doktrinoj, ke forteco superas justecon; mensogi kaj rompi kontrakton estas honorplena ago; torturi kaj masakri senkulpajn kaj senpovajn kunvivantojn estas heroaĵo. Ĉu tia moraleco povos konduki la suferantan homaron al pli feliĉa estonto?? Ni armadu nin morale kontraŭ tiaj instruoj!!

Antaŭ ĉio inter la dividita homaro la fido devas aperi, kaj tion ne povos fari ŝovinismo kaj aŭtarkio. Nur fido povos konduki al reciproka kompreno, al estimo kaj — finfine — kunlaboro. Kaj fido nur aperos, se toleremo ekzistas. Kompreno, ke ĉiuj homoj spirite *devas* esti diversaj, povos naski tiun toleremon.

Kaj nun la „batalo" mem! Ĉu ni pozitive povos fari ion? Nur konstati la mankojn, kaj papage paroli grandajn vortojn neniam kondukos al celo. Estos malfacile trovi la ĝustajn armilojn, sed ĝisfunda ekkono de la malfacilaĵoj iom post iom havigos al ni la taŭgajn rimedojn.

Kion ni volas atingi? Ke inter la homaro, anstataŭ malpaco, regu toleremo kaj fido, por ke ili kunlabore povu konkeri la mondon kaj uzi la teknikon je propra *profito*.

Tiu batalo postulos de ni firman volon por fari almenaŭ ion, laŭpove. Kreskigi senton de toleremo unue en si men kaj instrui tion poste al la proksimulo. Oferojn tio postulos: sindonemon, spirite kaj materie; helpon por plirapidigi la spiritan evoluadon, ĉar ĉi tiu spirita progreso per si mem kaŭzos pli bonajn materiajn vivkondiĉojn. La homoj nur vivas sur tiu nivelo, kiun ili spirite atingis. La barbara sklaveco de la negroj ne malaperis ĉar en la amerikaj ŝtatoj ekregis pli bonaj ekonomiaj rilatoj, sed ĉar la homaro spirite kreskis kaj ne plu povis toleri tian barbarecon.

Kiaj, ni esperantistoj, staras meze de ĉi tiu penado? La fakto jam, ke ni estas esperantistoj pruvas ke ni ne tute malatentas toleremon. Vera adepto de Zamenhof ja konscias pri detruado de l' muroj inter homoj, landoj kaj rasoj. Kaj ni havas realan ilon, kiu al ni donas la eblecon praktike apliki laŭ vasta skalo, nian emon pri alproksimiĝo de unu al alia. Ni ne diru, ke Esperanto estas la ununura ilo por kreskigi la homaron spirite al interkompreno kaj kunlaboro, sed almenaŭ ni rajte povos diri, ke nia vojo tien ne estas nebula, sed klara kaj rekta; ke propagando por nia movado kaj disvastigado de nia ilo estas pozitiva, reala kaj utila. Sed eĉ la esperantistoj komencu per si mem. Iom pli da toleremo inter samideanoj ne estus superflua. Ankaŭ multaj esperantistoj, ŝajne ne komprenas ke kunlaboro signifas laboron inter du partioj, kiuj ambaŭ devas rezigni pri iom el la propra rigida starpunkto, kaj kiuj unue devas fidi unu la alian. Por ni do ne nur „eksteren", sed unualoke „internen" aranĝado de nia armado, se ni inter la ne-esp. publiko volas atingi rezultatojn.

Ni, esp.-geinstruistoj havas apartan rolon en ĉi tio. En niaj manoj estas granda parto de la eduko de la juna homo, kiu morgaŭ transprenos de ni la taskon plibonigi la homan socion. La junularo ne facile konceptas abstraktaĵojn; Esperanto estas por ĝi konkreta ilo, kiu instruos homamon kaj toleremon. Por la spirita rearmado de la junularo ni bezonas ion konkretan, kaj tio povos esti Esperanto. Ankaŭ en ĉi tiu rilato do ne sonas bagatele; „Esperanto en la lernejon tutmondan!"

Plurfoje mi jam akcentis: la tuta instruistaro kune laboru harmonie por atingi tion. Ankaŭ ĉi tie ne „granda vorto" sufiĉas, sed nur efikos malgrandaj agoj. Iom da toleremo, iom da fido, kaj ĉiaj gekolegoj povos trovi unu la alian en unu komuna organizo: T.A.G.E.

Tiun kunlaboron povas signifi por ni, gekolegoj, la krio pri spirita kaj morala rearmado. Via aliĝo al T.A.G.E jam estos firma paŝo tien. Ĉar ne forgesu :

Se vi senfine parolos,
De ĝi la poto ne bolos.

P. KORTE.

---

# La lerneja atesto.

En nia lasta numero ni komunikis ion pri notoj sur la lerneja atesto en kelkaj landoj.

Ni ricevis de „La Vojo", F. L. E.-infangazeto, la numeron de julio 1937, en kiu kelkaj bildetoj de lernejaj atestoj. La redakcio tre afable oferis prunti al ni la kliŝojn. Kompreneble ni volonte akceptis tion, ĉar certe la bildetoj interesos niajn legantojn.

SCHOOLJAAR 1935—1936

| | 15 Dec. 1935 3de Leerjaar | 15 April 1936 3de Leerjaar | 17 Juli 1936 3de Leerjaar |
|---|---|---|---|
| I Gedrag*) | 3 | 4 | 4 |
| II Vlijt*) | 3 | 4 | 4– |
| III Vorderingen in de Vakken: | | | |
| Lezen | 2½ | 3– | 2½ |
| Schrijven | 3+ | 3½ | 3+ |
| Rekenen | 3½ | 3+ | 3½ |
| Nederlandse taal | 3– | 3 | 3½ |
| Aardrijkskunde | | | |
| Geschiedenis | | | |
| Tekenen | 3½ | 4– | 3½ |
| Lichamelijke Oefening | 3 | 3 | 3½ |
| Handwerken | 3½ | 3½ | 3½ |
| Handenarbeid | | | |
| Betekenis der cijfers: 1 = slecht 2 = onvoldoende 3 = voldoende 4 = goed 5 = zeer goed | Gezien: A. v. Veen | Gezien: A. v. Veen | Gezien: A. v. Veen |

*) In woorden uit te drukken.

N.B. Het verslag moet morgenochtend getekend worden teruggebracht.

ČESKOSLOVENSKÁ REPUBLIKA.

Zem Slovensko Školský inšpektorát Trnava

Piati triedna štátna ľudová škola v Suchom Lipení

(U škôl súkromných s právom verejnosti: Právo verejnosti udelené ministerským výnosom zo dňa ………, čís. ………)

Školský rok 1936/37. Číslo 11.

ŠKOLSKÁ ZPRÁVA.

Olga Kratochvílová

narodená dňa 15 marca 1926 v Suchom Lipení, politický okres Trnava, náboženstva rím. kat., začala chodiť do školy vôbec v Suchom Lipení dňa 1 sept. 1932, do tunajšej školy dňa 1 septembra 1932 a dostáva v V triede — oddelení (5 postupný ročník) tieto známky:

| Polrok | | | I. | II. |
|---|---|---|---|---|
| Chovanie | | | 1 | 1 |
| Povinné predmety: | | | | |
| Náboženstvo | | | 1 | 1 |
| Občianska náuka a výchova | | | 1 | 1 |
| Vyučovací jazyk | na nižšom stupni | čítanie | 1 | 1 |
| | | písanie a cvičenie reči | | |
| | na strednom a vyššom stupni | | · | · |
| Prvouka | | | · | · |
| Vecné náuky | vlastiveda | | 1 | 1 |
| | zemepis | | · | · |
| | dejepis | | · | · |
| | prírodopis | | · | · |
| | prírodospyt | | · | · |
| Počty s náukou o tvaroch meričských | | | 1 | 1 |
| Kreslenie | | | 1 | 1 |
| Písanie | | | 1 | 1 |
| Spev | | | 1 | 1 |
| Telesná výchova | | | 1 | 1 |
| Ručné práce chlapecké | | | · | · |
| Ručné práce dievč. s náukou o dom. hosp. | | | 1 | 1 |
| Nepovinné predmety: | | | | |
| | | | · | · |
| | | | · | · |
| Zovňajšia úprava písomných prác | | | 1 | 1 |
| Zameškané poldni | ospravedlnené | | 14 | 12 |
| | neospravedlnené | | · | · |
| Zpráva bola vydaná dňa | | | 31. I. 1937 | 15. VI. 1937 |

Je spôsobilá postúpiť do vyššej triedy

| Polrok | Podpisy: sprav. učiteľa | triedneho učiteľa | rodičov alebo ich zástupcov |
|---|---|---|---|
| I. | Ján Kratochvíl | A. Simonovánska | Kratochvílová |
| II. | Ján Kratochvíl | A. Simonovánska | Kratochvílová |

Š. 1107. — Všetky práva vyhradené. 1937. — 2/38.

Nederlando
5 = tre bone . . 1 = malbone

Ĉeĥoslovakujo
5 = tre bone . . 5 = malbone

Rumanujo

10 = tre bone . . . 1 = malbone

PAŽYMĖJIMAS

| Mokslo metų trimestrai | Elgesys | Tikyba | KALBOS: Lietuvių | Lotynų | Vokiečių | Prancūzų | Anglų | Graikų | MATEMATIKA: Aritmetika | Algebra | Geometrija | Trigonomet. | Istorija | Visuom. mokslas | Geografija | Fizika | Filosofijos propedeutika | Gamtos mokslas | Higiena | Kosmografija | Chemija | Piešyba | Braižyba | Muzika ir dain. | Dailyraštis | [illegible] | | Pamokų praleista | Kada pamokos prasidėjo | PARAŠAI: Klasės auklėtojo | Tėvų arba globėjų |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| I | 5 | | 3 | | 4 | | | | 4 | | | | 4 | | 4 | | | 3 | | | | 4 | | 4 | 4 | 4 | 4 | 1 | | [signature] | [signature] |
| II | 5 | | 3 | | 3 | | | | 4 | | | | 4 | | 3 | | | 3 | | | | 4 | | 4 | 4 | 5 | 5 | | | [signature] | [signature] |
| III | 5 | 4 | 3 | | 3 | | | | 4 | | | | 3 | | 3 | | | 3 | | | | 4 | | 5 | 4 | 5 | 5 | | | [signature] | |
| Metų pažym. | 5 | 4 | 3 | | 3 | | | | 4 | | | | 4 | | 3 | | | 3 | | | | 4 | | 5 | 4 | 5 | 5 | | | [signature] | |
| Egzam. | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | 1 | | | | | | | | | |
| Galutinas | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |

Pedagogų Tarybos nutarimas: Perkelta į [illegible] klasę. Protokolo Nr. [illegible]

Direktorius

[signature] Klasės auklėtojas

Pastaba: 5 reiškia—labai gerai, 4—gerai, 3—patenkinamai, 2—nepatenkinamai, 1—blogai.

Litovujo

5 = tre bone . . . 1 = malbone

**Certificat de absolvire**
a învățământului primar complet (șapte clase)

ȘCOALA PRIM. CONF. REF. No. III.
CLUJ, Calea Moților No. 78.

No. 12

Acest certificat s'a eliberat elev. Buzogány Magdalena născut ă în anul 1922 luna Iulie ziua 8 comuna Cluj plasa Cluj județul Cluj de națiune maghiară de religiune reformată copil ∼ a DL Buzogány Iosif de profesiune măcelar domiciliat în comuna Cluj plasa Cluj județul Cluj.

Situația generală a elev

| Anul școlar | Clasa | Media generală | Conduita | Observații |
|---|---|---|---|---|
| 1935-36 | VII | 9.63 | | |

Eliberat astăzi 19 luna Iunie anul 1936 în baza petiției înreg. la No. 326/936 și conform partidei No. 167 din matricola No. 11. pe anul școlar 1935/936

L. S. Director, Semnătura elev

No. de ieșire 326/936

DIRECȚIA GENERALĂ A INVĂȚĂMÂNTULUI PARTICULAR

ȘCOALA PRIM. CONF. REF. No. III.
CLUJ, Calea Moților No. 78.

ROMÂNIA

636-1931

**MINISTERUL INSTRUCȚIUNII**
DIRECȚIA GENERALĂ A INVĂȚĂMÂNTULUI PARTICULAR

Școala primară particulară cu drept de publicitate cu limba de predare maghiară a conf. reformată din comuna Cluj județul Cluj

Școala primară conf. ref. No. VI. mixtă din com. Cluj jud. Cluj

No. 12

# CERTIFICAT DE ABSOLVIRE
A INVĂȚĂMÂNTULUI PRIMAR COMPLET (ȘAPTE CLASE)

Se atestă că eleva Buzogány Magdalena născută în anul 1922, luna Iulie ziua 8. în comuna Cluj, plasa Cluj, județul Cluj de națiune maghiară de religiune reformată copil a D. ... de profesiune ... domiciliat ă în comuna Cluj plasa Cluj jud. Cluj a terminat cursul primar complet (șapte clase) cu următoarele rezultate:

Anul școlar 1935-1936 clasa ultimă a învățământului primar

OBIECTELE DE STUDIU ȘI NOTELE

| | Limba română | | | | Limba | | | | | Celelalte științe | | | | | | Dexterități | | | | | | Disciplina | | OBSERVAȚII |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Examen: Oral | 8 | 9 | 9 | 8 | 9 | 10 | 9 | 10 | 10 | 10 | 8 | 8 | 10 | 10 | 10 | 10 | 10 | 10 | 10 | – | 10 | 10 | 10 | |
| Media la oral | 8.50 | | | | 9.50 | | | | 10 | | | | | | | | | | | | | | | |
| În scris | 10 | | | | 10 | | | | 9 | | | | | | | | | | | | | | | |
| Med. a pe grupe | 9.25 | | | | 9.75 | | | | 9.5 | 9.33 | | | | | | 10 | | | | | 10 | 10 | | |
| Media generală | în cifre 9.63 | | | | în litere Nouă întregi și 63/100 | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |

Acest certificat s'a eliberat în conformitate cu partida No. ... din matricola No. 11.

L. S. No. ... Văzut, Anul 1936 luna Iunie ziua 19 A. Hau... prefectul

L. S. No. 159 Anul 1936 luna Iunie ziua 19. Director, V. Szegedi... Semnătura absolventului Buzogány Magd...

LÄSÅRET 1935—1936. Klass 6.

| | VITSORD | | Översikt över vid läsårets slut givna betyg i klassen. Antal lärjungar i klassen: | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | Höst-term. | Vår-term. | A | a | AB | Ba | B | BC | C | D |
| UPPFÖRANDE | A | A | 21 | | | | | | | |
| FLIT | A | A | 21 | | | | | | | |
| Kristendomskunsk. | Ba | Ba | | | 4 | 9 | 8 | | | |
| Modersmålet: Tal- och läsövning | Ba | AB | | 2 | 12 | 6 | 1 | | | |
| Skrivning och språklära | AB | a | | 3 | 5 | 6 | 7 | | | |
| Välskrivning | AB | AB | | 1 | 7 | 9 | 4 | | | |
| Räkning o. Geometri | AB | a | | 3 | 2 | 8 | 8 | | | |
| Hembygdsunderv. | | | | | | | | | | |
| Geografi | AB | AB | | | 5 | 10 | 6 | | | |
| Naturkunnighet | AB | AB | | 1 | 2 | 8 | 10 | | | |
| Historia | Ba | AB | | 2 | 4 | 8 | 7 | | | |
| Arbetsövningar | | | | | | | | | | |
| Teckning | Ba | Ba | | 1 | 3 | 11 | 6 | | | |
| Sång | Ba | Ba | | | 4 | 6 | 8 | | | |
| Gymn. m. lek o. idrott | AB | AB | | | 8 | 11 | 2 | | | |
| Slöjd | Ba | Ba | | 2 | 5 | 10 | 3 | | | |
| Hushållsgöromål | | | | | | | | | | |

Uppflyttas vid läsårets slut till klass
Kvarstannar ... § 47

| Frånvarodagar: | Höstterminen: | Vårterminen: |
|---|---|---|
| På grund av sjukdom | | 5 |
| Med annat giltigt förfall | | 1 |
| Utan giltigt förfall | | |

Lärare. Lärare.

Uppvisat för målsman: Uppvisat för målsman:

Målsman. Målsman.

Svedujo

A = tre bone . . D = malbone

| 1936 | April | Juli | Oktober | December |
|---|---|---|---|---|
| Religion | 5+ | 5+ | 5+ | 6 |
| Mundtlig Dansk | 6÷ | 6÷ | 6÷ | 6÷ |
| Skriftlig Dansk | 5+ | 5 | 5+ | 5+ |
| Regning | 5 | 5 | 5 | 5 |
| Skrivning | 5÷ | 5 | 5 | 5 |
| Historie | 5+ | 5+ | 5+ | 5+ |
| Geografi | 4 | 4+ | 5 | 5 |
| Naturhistorie | 4÷ | 4÷ | 4÷ | 4 |
| Naturlære | 5 | 5 | 5 | 5 |
| Tegning | 5+ | 5+ | 5+ | 5+ |
| Tysk | 5 | 5 | 5 | 5 |
| Haandgerning | 6÷ | 6÷ | 6÷ | 6÷ |
| Flid | 6 | 6 | 6 | 6 |
| Opførsel | 6+ | 6÷ | 6 | 6 |
| Orden | 5 | 5 | 5 | 5+ |

Forevist:

Danujo

6 = tre bone . . 1 = malbone

La ciferoj dekstre diras, kiom da lernantoj en la klaso havas la saman literon.

# Sub kvar okuloj.

### Nia rekompenco

Mi salutas vin kara frato elkore! Mi sentas veran ĝojon pri via komplezo, ke vi tuj venis je mia invito. Kiel bone estas restadi inter ni, kaj priparoli niajn vivproblemojn sole, sub kvar okuloj! Ĉar estas problemoj de la vivo, problemoj de nia pedagoga alvokiĝo, pri kiuj oni ne povas paroli publike sur la stratoj kaj placoj. Eĉ hejme, en familia rondo oni ne komprenus nin. Estas vere demandoj tiel ekskluzive pedagogaj, pri kiuj nur ni instruistoj havas sinceran komprenemon. Doloras nin ofte okazintaĵoj, pri kiuj ni hontus babiladi en fremdaj societoj!

Sed inter ni mem, sub kvar okuloj oni pli volonte, pli sentime, pli sincere povas elŝarĝi la koron kaj diri nian opinion, manifestigi nian senton. Ho kiel bone estus kunveni pli ofte kaj resti sub kvar okuloj ! . . .

Certe nur en tiu intima kunesto ni povas priparoli niajn temojn. Nur sub kvar okuloj ni kuraĝas esti tute sinceraj. Nur en tiu komprenema societo ni maltimas konfesi, kio nin turmentas.

Nu, bone ke vi tuŝas la temon, vi certe respondas, jam delonge min turmentas la fakto, kiun mi preskaŭ ĉiam spertas, ke la nuna societo ne sufiĉe taksas nin instruistojn ! Jen ĉiu homo en la nuna societo ĝuas la simpation kaj honoron de l' homoj. Oni fanfaronas de la utila tasko de metiistoj, de komercantoj, de oficistoj, eĉ de la stratpurigistoj . . . Oni ne laciĝas asertante kiom oni povas danki al ĉiuj, kiuj laboras pro la publika bono de la homoj. Nur . . . nur la instruistojn oni facile forgesas. Sed forgesi ilin . . . tiu estus ankoraŭ bona ! Tiu ne tiom ofendus nian kolegaron, kiom la malbona, malsprita opinio kiun ni spertas tie kaj ĉi tie.

Vi vere pravas, ke nia publiko ne tro malavaras dankon aŭ honoron. Ni vivas en epoko de kritiko senrespondeca, la respekto de aŭtoritatoj aŭ valoroj ne estas forta flanko de nia tempo. Vere tre maljuste oni prezentas en niaj popolteatraĵoj la instruiston, kiu diboĉadas, kiu estas ridinda drinkulo de la komunumo. Oni kreis tipon de ebriulo en niaj dramoj kaj ne povas pritrakti alie la instruiston, kiel ridinda sklavulo de la homaj pasíoj.

Min profunde indignigis tiu scenigo de pedagogoj, kvankam ofte ni mem donas okazon, ke oni ridu pri certa naiveco aŭ kulpeco de la pedagogoj. Tamen mi diras al vi, mia kara frato, ne pugnigu viajn manojn ! Ne ĵetu malbenon via lipo ! Ne ĵetu fulmojn viaj okuloj !

Jen, via alvokiĝo estas tute alia ! Via vívo ne estas la brua fanfaronado, la teatra scenado kaj gloro. Via laboro ne frapas la okulojn de la granda, supraĵa amaso ! Vi laboras en la kaŝejo de la homa spirito kaj animo ! Vi devas influi la evoluon de la homa inteligenteco kaj moraleco. Sed eĉ viaj junaj edukatoj ne konsciiĝas pri tiu granda peno kaj donaco, kion ili ricevas de vi ! Nur post longaj, longaj jaroj, kiam ili mem havos la zorgon de la eduko de propraj infanoj, nur tiam ili rememoros pri via sinofera, peniga laboro !

Se la danko ne ĉiam manifestiĝas publike, tamen en la koroj de la homoj ĝi ne estas tiel malofta, kiel vi pensas ! Jes, estas ankoraŭ danko eĉ en niaj senrespektaj, forgeseblaj tempoj ! . . .

Kiom da homoj troviĝas en la vivo, kiuj estas dankemaj, kiuj benas eĉ la memoron de iliaj instruistoj, al kiuj ili povas danki multon ! Kiom da homoj rememoras kun intima amo kaj dankemo al siaj pedagogoj, kiuj donis novan direkton, freŝan vivenergion al ilia vivo !

Jes, jes, ankaŭ mi devas esti sincera ! Ankaŭ mi havis iun

malgrandan, malgrasan instruiston, kiun neniam en mia vivo mi povas forgesi. Ĉu li amis min pli ol siajn aliajn disĉiplojn? Ne, tute ne, eĉ li estis kelkfoje pli severa al mi, ol al aliaj. Li havis kelkajn malperfektecojn, pro kiuj oni ne tro ŝatadis lin en la publika vivo, kaj ni infanoj estis sufiĉe viglaj por rimarki ilin! Tamen li nenion perdis en niaj okuloj, kaj ĝuste en mia koro! Li estis ĉiam bonvola, ĉiam bonkora, kaj vere majstro en la instruado! Jam kiel malgrandaj lernantoj ni sentis, kia bona volo elradias de lia pedagoga koro. Kiel pacience li okupiĝis kun ni ĉiuj, kvankam ni estis sufiĉe nombraj. Mi rememoras ĉiam kelkajn vivajn kaj tre interesajn instruadojn, ankaŭ nun, post tridek jaroj! Kelkaj ilustradoj de lia instruado engraviĝis profunde en mia animo kaj mi multe utiligis ilin poste, kiam mi mem fariĝis instruisto.

Sed la plejrimarkinda memoraĵo restis la „g r a n d a e l e k t a d o" en nia klaso. Ni estis malgrandaj infanoj, sed tio sufiĉis, por ke ni estu sufiĉe grandaj diabletoj por fari inferan bruon antaŭ lia alveno en la klaso. Li ne diris koleremajn vortojn al ni! Li nur evidentigis al ni, ke ni devas esti gardataj, observataj. Do nia klaso devas havi gardistojn! Nu elektu vi mem, li diris, kiuj estu la gardistoj! Gardistoj por la bona ordo, gardistoj por la pura vestaĵo, por la plenumita laboro ktp. Ni elektu do! Kaj li instruis nin pri la graveco de la elektado! Kiel interesiĝis la malgrandaj kapoj kaj koroj pri gravaj sociaj respondecoj! Jen ni preparas grandan elektadon! Kaj ni elektis laŭregule, kiel oni elektas la deputitojn por la parlamento! Ho kiom nia koro batadis! Sed kiom da humiligo, kiam mi ne estis elektita kiel una gardisto kvankam mi esperis havi la konfidon de miaj kundisĉiploj. Kiom da travivaĵoj, kiom da neniam forgeseblaj memoroj! Veraj vivspertoj! Ĉar poste, estante mi mem pedagogo, tiuj memoroj instigis min pristudi la svisajn kaj usonajn lernejan ŝtat-organizadojn, kaj apliki ilin en miaj svisaj kaj hungaraj lernejoj. Jes, jes, kara memoro de mia malgranda, bona, kara iama instruisto: Géza Bódy!

Vidu kara frato, estas dankemo en la homaj koroj. Mi neniam en mia vivo povis danki mian karmemoran instruiston, ĉar ni baldaŭ translokiĝis kun mia patro alian lokon, kaj mia ŝatata instruisto baldaŭ mortis, antaŭ la fino de miaj studoj, tamen mi ofte, ofte rememoras lin, ofte mi preĝas por li, kaj ofte mi faras tiel en mia pedagogio kiel li faris! Jen ne nur lia memoro, sed lia spirito vivadas, revigliĝas en mi. Jes, jes, vidu, tia estas nia plejgranda honoro, plejgranda rekompenco: N i p o s t v i v a s n i n m e m. Ni vivados en la animo, en la spirito, en la vivo de niaj lernantoj, de niaj karaj infanoj kaj la frukton de nia laboro vidos nur la generacio venonta!

Jen: nia granda, ununura honoro, kaj rekompenco! Via frato:

Dro FRANCISKO ERDEY.

# Infanludiloj en Italujo.

En multaj landoj ekzistas festtagoj, je kiuj la infanoj (ofte ankaŭ la plenkreskuloj!) ricevas donacojn, ekz. Sankta Klaŭs, kaj kristnasko. Ankaŭ Italujo konas specialajn „porinfanajn"-tagojn. La plej grava estas la festo „della Madre e del Fanciullo", (de la Patrino kaj de la Infano). Ĝi estas la komenco de la Kristnaskfesto, kaj oni kantas la kantojn, kiuj rilatas al la sankta Naskiĝo. Oni donas donacojn al la infanoj, sed ankaŭ al novedziĝintoj kaj al la gepatroj de grandaj familioj, precipe vindujojn kaj vestojn. Ankaŭ Epifanio estas tago por la junularo.

En „L' Organizzazione Industriale" de la 6a de januaro ni legas artikolon de Lori Mangano, super kiu en grandaj literoj staras: „La itala industrio de ludiloj faris por la infanoj en Italujo ludilojn, kiuj estas servistaj al la aktiva spirito kaj al la militendencoj de la novaj generacioj". En ĉi tiu lando oni certe ne trovas kartojn antaŭ la fenestroj: „Ne donu militludilojn al via infano", kiel en Nederlando ekzemple.

El suprenomita artikolo ni ĉerpas la jenan: Kiel granda la influo de la unuaj ludoj kaj la speco de la ludiloj estas sur la formado de la ankoraŭ facile influebla infana animo, montras raporto pri taŭgaj infanludoj, farita dum la kongreso de la asocio de industriistoj. Ĉi tiu raporto akcentas la nacian gravecon de bonaj ludiloj, ne nur en ekonomia rilato, sed precipe por la edukado, la moralo kaj la amuzo de la junularo, kaj tiam nomas kelkajn postulojn, kiujn ili devas plenumi.

La ludo de la infanoj estas la preparo al la efektivigo de la civitaj devoj.

La itala industrio faris en ĉi tiu rilato multe da lernigaj kaj sportaj ludiloj. Ĉi tiu industrio estas ankoraŭ tre juna. De la unua pupfabriko en Canneto ĉe la Oglio je la fino de la antaŭa jarcento, ĝis la hodiaŭa ludil-industrio ni povas konstati grandan progreson, precipe post la milito kaj la faŝisma revolucio, ne nur rilate al ĝia vasteco, sed ankaŭ al ĝia karaktero.

Antaŭ ol la knaboj uzas veran muskedon, ili deziras pafilon, revolveron, mitrajlilon, kirasaŭtomobilon, kaj aron da armitaj soldatoj, malgrandformatajn, kiel „ludilojn", por inspiri kaj ordoni ilin laŭ deziro, kun la belega entuziasmo de sia malgranda soldatkoro. Kaj la knabino ŝiaflanke en la nesatigebleco de sia patrina instinkto, deziras ne unu, sed du, tri pupojn, kiujn ŝi povas vestigi kaj senvestigi kaj enlitigi. Kaj ŝia pupdomo estas komplete instalita, tiel ke ĉiuj mastrumaj talentoj povas esti disvolvataj.

Vere, oni ankoraŭ importas ludilojn el amikaj landoj, al kiuj Italujo eksportas aliajn varojn, sed la ludilindustrio forte progresis sekve de la kvalito de la produktoj kaj la malalta kosto. Trimil

laboristoj trovas ekzistadon en la italaj ludilfabrikoj, proks. sesdek, sed krome ekzistas aliaj fabrikoj, kiuj faras ludilojn kiel parto de la laboro, kaj fine ekzistas la sufiĉe grava domindustrio. Multaj ludiloj el ligno venas el Val Gardena, pupoj el Sardinio, lignaj ĉaretoj el Sicilio, figuroj kaj pupoj el paperkaĉaĵo el Puglia.

La pupo, la plej malnova kaj plej tipa itala ludilo, estas tre grava por la enlanda industrio, por la lando mem same kiel por la eksterlando. La itala ŝtofa pupo estas konata en la tuta mondo, precipe la tielnomata „Lenci-pupo", aŭ originala aŭ kiel imitaĵo, ne nur kiel ludilo, sed ankaŭ kiel artobjekto, por sia bonega ellaborado kaj tipaj vestoj. Ĉi tiu pupo estas fabrikata el vatita kaj subŝtofita drapo de specialaj laboristaj kaj distingiĝas pro siaj malpezeco, elasteco kaj solideco. La unua fabriko estis en Torino, sed nun ili ankaŭ estas en Florenco, Milano, Romo kaj Cremona.

Multaj lignaj ludiloj venas el Val Gardena, i. a. arlekenoj, bestoj, ĉaretoj, marionetoj, bastonĉevaloj, ktp. El Romo venas velboatoj, flugmaŝinoj, vaporboatoj, bestoj, belformaj kaj koloraj, Milano estas la centro de metalaj ludiloj ; ŝoveliloj, rastiloj, siteloj, vagonaroj, pafiloj, soldatoj kaj „mecano"-kestoj. En la lasta urbo ankaŭ la produktado de paperaj ludiloj estas tre grava, same kiel tiu de kaŭĉukaj ludiloj.

---

# Muzika eduko.

Kion tio signifas.
Kion la lernejo kaj la radio povas fari.

La patro, kiu interkonsentis pri muzikinstruado kun muzikinstruisto, kaj rakontas al siaj infanoj ke ilia muzika edukado nun komenciĝos, eraras. Muzika edukado komenciĝas, same kiel ĉia edukado, jam en la unua vivhoro de la infano.

Jam tre frue la bebo scias la diferencon inter la voĉoj de la patro, patrino kaj aliaj samhejmanoj (unu el la plej gravaj elementoj de la muziko, la melodio, ni diru, kreskiĝis el la voĉo). La patrino ludas kun la infano, kaj kantas dum tio ; la patro alvenas hejme fajfante ; iu ludas violone aŭ piane ie ; muzikistaro aŭ gurdo ludas surstrate kaj krom tio ankoraŭ la radio kaj la gramofono.

Ĉiuj tiaj okazoj certe impresas la infanon, ankaŭ la plej junan. Laŭ ĉi tiu vojo fortoj en la infano vekiĝas, fortoj kiuj regas en ĉiuj infanoj, kaj ĉar ĉiu sana infano havas naturan emon por lernado, ĝi klopodos uzi kaj disvolvi la fortojn vekitaj de la impresoj.

Tiel jam baldaŭ post la rekono de sonimpresoj sekvas provado por imiti tiujn, rekanteti melodietojn aŭ frapeti laŭ iu ritmo.

Kiu ekzemple ne konas la infanon, kiu enprofundiĝinta en sia

ludo, daŭre kantetas por si mem, ĉiam, la saman melodieton. Tio, laŭ niaj perceptoj, signifas eble nenion, sed por la infano ĝi certe havas valoron. Ci tiu impulso por muzike esprimi sin ricevos pli klaran formon, se la infano en iom pli alta aĝo koniĝas kun ludkantoj dum la ludado kun aliaj infanoj.

Eĉ se oni tre frue instruigas muzikon al la infano, ĝi tamen jam disponos pri konsiderinda parto de sia muzika eduko. Ĉio jam nomita donis la bazon por komprenado de la kutima tonsistemo, oftaj ritmoj kaj simplaj formoj en la muziko. Ne nur en la unuaj vivojaroj, sed ankaŭ por la junularo kaj plenkreskuloj la muzika edukado ne evoluas laŭ reguloj, kiuj estas indikeblaj en metodo aŭ instruo. Aŭskultado kaj kantado aŭ ludado de simplaj popolkantoj, danc-kaj marŝmuziko kaj de malgrandaj kaj ampleksaj muzikartaĵoj, ludas treege gravan rolon.

Per ĉi tiuj paroloj ni tute ne volas aserti, ke instruo kaj ekzerco estas superfluaj. Kontraŭe, muzikado kaj unualoke kantado ne estas ebla sen iu kono de la tekniko. Kaj tio, same kiel la aŭskultado, devas esti instruata, tuj kiam la infano atingis la por tio necesan klerecon.

*Muzika eduko* do havas la celon formi la grandiĝantan generacion tiel, ke ĝi, krom ĉiuj aliaj kulturformoj, sentu la muzikon kiel nemalhaveblan vivfaktoron. *Muzika* instruado plenumas en ĉi tiu rilato nur servan funkcion.

*La lernejo ĉi tie povas plenumi taskon.* Sed kiam muzika instruado estu bonefika, tiam, ĝi unuloke devas direkti sin al disvolvo de la muzika sento. Tio ne nur signifas la kapablecon, prijuĝi la purecon de la sonoj, sed muzika sento en la plej vasta senco de la vorto.

Plej bone oni komencus tion en la elementa lernejo. Kun kelkaj esceptoj (Montessori-lernejoj k.t.p.), tio kion oni instruas dum la kantadlecionoj, tute ne havas iun muzikpedagogian valoron. Ke bona muzika eduko de la infanoj en la klaso estas ebla, pruvas la rezultatoj de la t.n. popolmuziklernejoj.

Muzika instruado, en la elementa lernejo, laŭ metodo kiun Sro. W. Gehrels enkondukis en la popolmuziklernejoj kaj laŭ la ideoj tieaj pri muzika eduko, estus tre grava paŝo en la bona direkto.

*La radio povas helpi.* Nun tia muzika instruado en la lernejo certe ne baldaŭ estos enkondukata, oni povas demandi, ĉu la radio en ĉi tiu rilato ne estus taŭga. En artikolo pri „La pedagogia tasko de la radio" diras prof. dro. J. Waterink : „La radio estas io bonega. Sed kie de la mateno ĝis la nokto ĝi helsonas kaj sonegas, kun bruema multtoneco, tie ĝi estas, precipe por familio kun infanoj, malbeno. La timiga plimultiĝo de la nombro de neŭropatiaj kaj neŭrasteniaj infanoj admonas la radio-aŭskultantojn, unuloke serĉi por la infano juna trankvilan sferon. Oni devas kutimigi la infanon ekde la juneco, ke ankaŭ la radio devas esti uzata kiel kulturdonaco.

Ne kiel ŝajne nervokvietiganta (do fakte nervo-konsumanta) rimedo, farante bruon".

Se do la radio helpu, tiuokaze la gepatroj komencu uzi sian aparaton prudente. Krome necesus specialaj elsendoj, kiuj alcelas: ekzercon kaj disvolvadon de la muzika sento.

Pluraj stacioj jam faris ion tiurilate, sed plej ofte ankoraŭ mankas fiksita plano. La elsendoj kun klarigo ekz., en la formo de junularkoncertoj, povas esti utilaj por la pli aĝaj. Por la infanoj tamen oni devos serĉi formon, kie ili mem povas esti aktivaj. Kvankam la organizado de tiaj elsendoj ŝajnas treege malfacila, tamen oni certe povos atingi ion, interkonsente kun muzikpedagogoj. Ekzistas tre granda distanco inter la malmulte disvolvita muzika sento de la granda plimulto de la popolo unuflanke, kaj la tre alta muzikkulturo aliflanke. Ni devas eduki generacion, kiu povos plimalgrandigi tiun distancon kiel eble plej multe.

GERRIT VELLEKOOP en „HET KIND".

---

# Ĉeĥoslovaka Pedagogia Enciklopedio.

(l-a daŭrigo.)

Daŭrigante la artikolon pri "Pedagogická encyklopedie" (Pedagogia enciklopedio) kiu aperas nun en Praha, publikigitan en 1-a numero de IPR, mi mencias laŭalfabete almenaŭ jenajn devizojn:

Patrinaj lernejoj - Pacifismo - Pacienco - Pavilonoj (lernejaj) - Patologio Patriotismo - Pedagogio - Pedagogia takto - Pedologio - Pedopatologio - Personeco Pesimismo - Programo (lerneja) - Parol-ekzercoj - Paralelaj klasoj kaj fakoj - Plano (lerneja) - Politiko (lerneja) - Profesiaj konsultejoj - Pornografio - Popola eduko Praktiko - Preparaj lernejoj - Privata eduko - Privata studio - Produkta lernejo Profesoroj - Profesio - Prostituo - Provoj instruaj - Psiko - Psikologio - Puno Preparo de instruistoj - Puberto.

Racio - Radio lerneja - Rajto lerneja, - publika, komuna - Raso - Realaj objektoj instruaj - Reformoj lernejaj - Rekompenco - Religio - Rigora ekzameno Ripozo.

Seminarioj - Salajro - Sano - Scienco - Sekso - Seksa eduko, - malsano - Skribo Skriba preparo - Skribaj taskoj - Solinfanoj-Skoltoj-Skeptismo - Skrofolo - Sonĝoj Socialismo.

El la *biografio* de famaj homoj estu menciitaj: Parker, Parkhurst, Paulsen, Pestalozzi, Petersen, Piasecki, Platon, Plutarchos, Quintilianus, Rabelais, Radlinska, Ramadanoviĉ, Ranschburg, Reddie, Rousseau, Rubakin, Russel k.a.

Jen malgranda resumo pri 640 paĝoj de la bonega verko, kies ĉiun numeron ĝojatendas la legantoj en Ĉeĥo-Slovaka respubliko.

*Ĉu estas vana* mia deziro legi ion pri la intereso de nia tutmonda kolegaro koncerne ĉi tiun laboron? Mi esperas ankoraŭ . . .

J. ŜUPICHOVA,

Praha II., Malá Ŝtěpánská 6.

# Esperanto en la lernejo.

En no 1a ni raportis pri kursoj en Francujo, kiel aplikado de la ministra cirkulero pri publika instruado de Esperanto.
Ĉi tie sekvas nova listo.

*Distrikto de la Universitato de Aix.*
En Marseille kursoj en la liceo Thiers kun 63 gelernantoj, kaj en liceo „St.-Charles".

*Universitato de Besançon.*
En Vesoul: liceo kaj seminario por instruistoj, libroj de Szilagyi.

*Universitato de Clermont.*
En Brive: kolegio por junulinoj. En Egletons: en nacia teknika lernejo.

*Universitato de Dijon.*
En Savigny: unuagrada knaba lernejo.

*Universitato de Lille.*
En St.-Omer: liceo.

*Universitato de Lyon.*
En Chaponost. En Lyon: seminario por instruistoj; lernejo route de Vienne.
En Villeurbanne: lernejo rue Perrin, du kursoj kun 88 lern. Lernejo J. Guesde. Cusset.

*Universitato de Paris.*
En Paris: Liceo Molière.

*Universitato de Rennes.*
En Lorient, 64 lern. En Quimper, sem. por instruistinoj, kaj liceo „La Tour d'Auvergne".

*Universitato de Strasbourg.*
En Selestat, „Kolegio Rocberlé". En Haguenau liceo, kaj teknika lernejo.

---

Oficejo: Esperanto ĉe la Instruado.
C. Krusemanstr. 43/3, Amsterdam-Z.

## KOMUNIKOJ POR LA GAZETARO.

Korespondantoj de ĵurnaloj, ĉiaj gazetoj kaj tiel plu, kiuj deziras uzi niajn nederlandlingvajn bultenojn, aperantajn 3,4-foje en la jaro, ricevos ilin senpage, se tiun deziron ili konigos al ni.

Samideane salutas,

P. W. BAAS.

# Esperanto-kronikoj

en la ĉeĥoslovaka preso pedagogia en jaro 1938.

Pri *„Esperanto en lernejoj"* aperis de faka instruistino J. Ŝupichová el Praha entute 48 kronikoj (artikoloj) en instruistaj gazetoj ĉeĥoslovakaj. Ĉiuj alportis ankaŭ mencion pri *TAGE* kaj *IPR*, krom tio ofte la adreson de la agento por TAGE en ĈSR - (s-o prof. Th. Kilian en Trebíĉ). Koran dankon al nia senlaca kunbatalantino pro ŝia modela laboro.

---



# Bibliografio.

Kvankam nia poresperanta movado ankoraŭ ne ĉie povas disvolviĝi libere, ĝi tamen konsiderinde kreskas daŭre. La ĉiam pli kaj pli disvastiĝanta literaturo respegulas tion, ne nur kvante, sed ankaŭ kvalite. Tralegante novaperintajn librojn, preskaŭ ĉiam oni povas ĝoji pro la kreskanta perfektiĝo de la esprimpovo de nia internacia lingvo. Malgraŭ kelkaj eraroj ie kaj tie kaj ioma troabundeco de neologismoj superfluaj, recenzanto povos konstati konscian emon pri korekta uzo de la lingvo. Eldonado de verkoj, kiuj atestas pri ne-korekteco, lingva kaj stila, fariĝas jam riska entrepreno, ĉar la esperantistaro nuntempe ne plu bonvenigas ĉian libron tiel, kiel en la unuaj jaroj.

„Literatura Mondo", kiu jam tiom, kaj tiel bone laboris sur literatura kampo en nia „verda mondo", prizorgis la duan eldonon de *„Plena Gramatiko de Esperanto"* de Dr. K. Kalocsay — G. Waringhien. Por komencantoj tro ampleksa kaj implika, ĝi tamen estas por ĉiu serioza lingvo-studanto valora fonto.

Formato 20 × 13.5 c.m. 490 paĝoj, prezo 2.60 U.S.A. dol. broŝ. 2.95 U.S.A. dol. por bind. Aldonu 10 % sendkostojn. Aĉetebla ĉe ĉiu esperantista libristo.

Literatura Mondo, BUDAPEST, IX. Soroksàri-str. 38. Hungarujo.

Por komencantoj „Lit. Mondo" eldonis pli simplan gramatikon de la konata Esperanto-instruisto Henriko Seppik: *„La tuta Esperanto"*.

Formato 13.5 × 20 c.m. 184 paĝoj dense kompostitaj, prezo —.75 USA dolaroj broŝ., —.96 USA dol. bindite aŭ egalvaloro. Aldonu 10 % sendkostojn.

De la sama eldonejo ankoraŭ kuŝas sur nia skribotablo: *„La strato de l' fiŝanto kato"* de Jolanta Földes, en esp. trad. de Ladislao Halka kaj Ladislao Spierer.

Formato 13.5 × 20 c.m. 268 paĝoj, prezo: broŝ. 1.— ; bind. 1.25; lukse bindite 1.55 USA dolaroj. Aldonu 10 % sendkostojn.

La libro nun jam estas famekonata en la tuta mondo, ne nur pro tio, ĉar la verkistino gajnis grandan literaturan premion, sed ĉar aperinta jam en pli ol 10 lingvoj, ĝi estas legata kaj ŝatata de ĉiu homo. Legu la libron kaj vi vidos, ke ĝi meritis ankaŭ la esperanto-eldonon.

Agema entrepreno ankaŭ estas „The Esperanto Publishing Co", En la konata Epoko-serio aperis jam 6 facile legeblaj distraj romanoj je malaltaj prezoj. Ek de nun la vendo-prezo de la libroj estas po 1 ŝil. 6 p., plus afranko, same kiel la aperontaj libroj. Se oni mendus la 6 librojn samtempe oni ricevus ilin por 7 ŝ. 6 p., plus afranko (en Britujo la afranko estas 6 p., alilanden 9 p.).

Rekomendindaj la libroj estas por tiuj, kiuj ŝatas sin distri per legado de interesa rakonto en bona facila Esperanto. La titoloj estas:

1. *Murdo en la Orienta Ekspreso* de Agatha Christie El la angla tradukis „Etulo".

2. *La Knaboj de Paŭlo-Strato.* F. Molnar. El la hungara trad. L. Spierer.

3. *La Princo kaj Betty.* P. G. Wodehouse. El la angla trad. G. Badash.

4. *La Tempo-Maŝino.* H. G. Wells. El la angla trad. E. W. Amos.

5. *Princino de Marso.* Edgar Rice Burroughs. El la angla trad. K. R. C. Sturmer.

6. *Colomba.* Prosper Mérimée. El la franca trad. Prof. J. Beau.

La sama eldonejo presis:

La vivo kaj koncepto de La Societo de Amikoj, kompilita de The Friends Service Council. Prezo unu ŝilingo, afranko du pencoj. Anglujo po 1 ŝ. 2 p. aŭ 6 internaciaj respondkuponoj, afrankite.

Plue tre instrua libro: profundaj pensoj pri nuntempaj rilatoj en familia vivo kaj mankoj en la hejma kunvivado de gepatroj kaj infanoj. Por gepatroj kaj pedagogoj verkis la konata usona „moderna patrino", S-ino Dorothy Canfield Fisher ŝian „Mothers and Children"; post traduko en la franca lingvo, nun ankaŭ ĝi estas tradukita en Esp. de T. J. Guéritte sub titolo: *„Infanoj kaj Patrinoj"*.

Havinda libro.

(175 paĝoj; tole bindita, 3 ŝ. 6 p. afranko 4 p.) Ĉiuj libroj de The Esp. Publ. Co estas haveblaj ĉe I. E. L. Heronsgate, Rickmansworth. (Herts) Anglujo kaj ĉe ĉiu Esp. Librovendisto.

Tria eldona asocio, kiu meritas nian dankon pro ĝia senlaca kaj energia persistemo estas S.A.T. (67. Avenue Gambetta. Paris 20. Francujo). Kunlabore kun la Fed. de Lab. Esp. Amsterdam ĝi prizorgis la duan eldonon de *„Patroj kaj Filoj"* de I. Turgenjev en

la traduko de la konata esp. stilisto Dr. K. Bein (Kabe). Formato 14 X 21 cm. 216 paĝoj. Prezo broŝ. 35 fr. fr. bind. 45 fr. fr., inkluz. afrankon.

Ne necesas insisti pri la valoro de ĉi tiu verko: ja, la nomoj de l' aŭtoro kaj tradukinto parolas por si mem.

S.A.T. planas eldoni tutan serion da valorplenaj libroj. Ni legis jam la titolojn kaj kun interesiĝo ni atendas la pluajn volumojn. Petu detalan prospekton ĉe la eldonejo.

De la sama eldonejo:

*Skizo de Ekonomia Geografio*, verkita de J. F. Horrabin, elangligis: B. Ross, formato 14 X 20 cm. 134 paĝoj, kun 45 entekstaj kartoskizoj kun esperantigitaj geografiaj nomoj, prezo 20 fr. fr.

La aŭtoro pritraktas, en formo de lernolibro, kun klaro kaj precizo, la influon de la geografiaj faktoroj sur la disvolviĝon de la popoloj, sur la historion de la homaro; li montras la determinan rolon, kiun ludas la geografio, ĉe la ekonomia kaj socia formiĝo de la potencgrupoj en la mondo.

Petro Kropotkin, *Al la Junuloj! kaj Biografio*.

Traduko de fama, profunda etika broŝuro, kune kun Biografio pri la eksterordinara vivo de la granda anarkista pensulo. Formato 12 X 18 cm. 54 paĝoj, prezo 6 fr. fr.

La „Esperantista Centra Librejo" (11 Rue de Sèvres. Paris. 6.) eldonis *Amo*-Fonto de vivo. Poemo originale verkita de Célestin Rousseau, L. K. Prezo 3 fr. fr. Ke fama farmakologo krom sciencajn librojn povas verki poemojn, montras al ni ĉi tíu malgranda libreto.

---

# Sciigoj de la laborkomitato.

Ĉiuj niaj anoj estas petataj tuj pagi la kotizon por ĉi tiu jaro al sia landa agento.

Oni ankaŭ povos pagi pere de la ĉefdelegitoj aŭ perantoj de I. E. L., se oni tion deziras, escepte en Nederlando, kie oni pagu al nia asocia kasisto, kaj en Svedujo, kie la propra sekcio de S. I. E. F. prizorgas la financan administradon.

---

En Danujo mortis nia ano

**PETER MORTENSEN,**

en la aĝo de nur 28 jaroj. Li postlasis junan edzinon en plej korŝira funebro. Niaj sinceraj kondolencoj iras al ŝi.

Nia amiko ripozu en paco!



## Korespondoficejo

adreso : K. H. SPORTEL.
sekretario de T. A. G. E.
NIEUW-SCHEEMDA (Nederl.)

## Geinstruistoj :

Sro S. W. Laffertu, WILDERVANK, Nederlando.
(42 ja. instr. en popollern. Kor. kun Skotlando k. Irlando.)
Sro Oskar Svantesson, Fägelfängaregatan 20, GöTEBORG, Svedujo.
(pri enhavo de diverslingvaj instruistaj revuoj.)

---

## Gelernantoj :

Sro André Escure, College Cabanis BRIVÉ (Francujo) (Correze).
(kun filatelistoj.)
Sro Denĉo Itr. Milĉev str., „C. Eleonora" 91 BOURGAS (Bulgarujo)
(kun lernantoj diverslandaj.)
Sro P. Korte. Schoolstraat 13. VEENDAM (Nederlando) por 40 gelernantoj de 12—14 jaroj : lerneja grupo. Provizore ni nur petas korespondadon per ill. poŝtkartoj. Ĉi tiu lerneja grupo estas la unua en la tuta distrikto, kiu sin okupas per Esp. Por kuraĝigo kaj propagando ni petas korespondaĵojn el plej diversaj landoj.
Respondon nepre garantias la vicprezidanto de T.A.G.E.
Sro Georgi Pavlov. Bul „General Stoletov" 72. SOFIA II. (Bulgarujo).
(19-ja abituriento. Kun gesamideanoj el ĉiuj landoj.)
La infangrupeto „La Verda Stelo" aranĝos en majo letervesperon. Kelkaj membroj ankaŭ dez. koresp. Bonvolu skribi al : Henk van der Meulen, Spechtstraat 9, DEN HELDER, Nederlando. Resp. garantiata.
Sro L. Dormont. St. ALBANS. N.Y. (Usono) por tridek, 13 jaraj gejunuloj usonaj, per ill. poŝtk.

---

Aliĝu frutempe al la 31a Universala kongreso en Bern. T.A.G.E. aranĝos tie **fakkunvenon.** Komuniku jam nun al ni viajn dezirojn pri tiu kunveno.

ĈU EBLE VI POVOS PRELEGI AŬ PAROLADI PRI IU LERNEJA TEMO?

Tiam anoncu vin al ni ! !